# KATOLIKA MONDO

Universala Organo por tut- mondaj interesoj katolikaj

Oficiala internacia organo de „Internacio Katolika“ (Ika), de „Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista“ (I. K. U. E.)
de „Mondjunularo Katolika“ (Moka), kaj de „Blanka kruco“ (Internacia misio katolika)



Numero 4. 1921 | I. Jarkolekto 1921/22


# La Papo kaj la organizacio de la paco.

La katolikoj de la tuta mondo formas unuaĵon kaj saman familion religian. La domo, kiu enŝlosas tiun ĉi familion, la sola domo, kiu povas ĉirkaŭi ĝin laŭleĝe — ĉar ĝi estas konstruita de Kristo mem —, estas la katolika eklezio. Ĝi havas kiel ĉefestron nian Sanktan Patron, la papon, t. e. la patron de la granda krista familio. Ĝi havas kiel paŝtistojn la episkopojn kaj pastrojn.

Do ne ekzistas kialo, ke oni intencu reunuigi la katolikojn de la diversaj nacioj sur la kampo religia. Se oni volus alceli tion, prave oni povus diri, ke oni volas rekonstrui la eklezion mem. Ho! La eklezio estas ĉiam vivanta kaj hodiaŭ pli forta ol iam. Ĝi trapasis la sangan mondkatastrofon, sen ke estas disrompitaj la fundamentoj de la krista unueco.

Famkonata franca verkisto povis skribi pravege, ke la eklezio per la terura provo de la milito tutmonda montris sin kiel la „unueca Internacio, kiu daŭradas“.

Sekve, se iuj katolikoj povus esti tentataj estiĝi timemaj je la ampleksanta frateco, kiu devas unuigi ĉiujn kredulojn de ĉiuj nacioj kaj rasoj, kiel filojn same amatajn de unu sama Dio, ilia patro komuna, kiu estas mortinta por ĉiuj ilin — ho! oni devus konkludi, ke tiuspecaj katolikoj malmulte posedus la spiriton katolikan. Ĉar la spirito katolika estas internacia laŭ sia defino, kiel la spirito krista estas tute karito kaj amo.

Do, la problemo solvinda ne estas, ĝenerale krei inter la katolikoj la religiajn interligojn — ĉar ili jam ekzistas forte kaj vive. Sed ĉu oni ne povas pripensi, ke katolikoj por iu aparta agado povas unuigi sin kun grandega utilo, komprenenble kun la aprobo kaj sub la kontrolo de la religia aŭtoritato?...

Jen, tiuspeca estas la movado por la internacia paco. Se ekzistas iuj homoj, kiuj fakte havas la kapablecon por pligrandigi en la mondo la justecon, la civilizacion, la kristanismon, kaj per tio kunhelpi je la kreo de daŭra paca stato, kiun la lastaj packontraktoj malfeliĉe lasis ŝanĉelîĝantan, certe ĉiuj ĉi homoj estas la katolikoj. Komprenenble estas necese, ke tiuj ĉi katolikoj konsentu je la ĉefaj iloj por daŭrigi kaj organizi la pacon.

Nu, ne estas sekreto, ke la katolikoj certe ne povas esti malunuecaj en la deziro forigi ĉiun senton de la malamo kaj sekve de la trouzado de la perforto inter la filoj de la sama enĉiela patro, tamen ofte estas tre disaj, kiam oni serĉas precise defini la planon de interŝtata societo, kiu povus doni al si la duoblan leĝon de la justeco kaj paco. Ni rekonu sincere, ke en tiuj ĉi problemoj politikaj, reĝas la libereco civila: le libereco de juĝo kaj la libereco de agado.

Kio koncernas nin, katolikoj kaj demokratoj, ni havas konfidon je la ideo de la Societo de la nacioj. Ni ne kredas, ke oni devu malestimi aŭ eĉ kontraŭbatali la ligon — ĉar laŭ nia opinio ĝi estas perfektebla —, kiu nun funkcias en Ĝenevo. Tamen tiu ĉi pruvo tro malperfekta kaj tro malplenumita, tiu ĉi komenco tro timema, tute ne povas doni al ni sufiĉecon.

Lia Papa Moŝto Benedikto XV[a] en sia circulera letero de la 29[an] de majo 1920 projektas la planon de vere kristana Societo de la nacioj.

„Kiam ĉio estos restarigata laŭ la ordo de la justeco kaj karito kaj kiam la nacioj estos repaciĝintaj, estas dezirindege, ke ĉiuj ŝtatoj — forigante ĉiujn reciprokajn suspektojn — unuigu sin por formi societon aŭ plibone familion por la defendo de siaj liberecoj unuopaj kaj por la konservo de la socia ordo. Tiuspeca ligo de la nacioj korespondas — sen mencii multajn aliajn pripensindaĵojn — al la neceseco ĝenerale rekonata fari ĉion eblan por forigi aŭ malpligrandigi la budĝetojn porarmigajn, kies sufokantan ŝarĝon la ŝtatoj ne pli longdaŭre povas elteni; neebligi estonte intermilitadojn tiel terurajn aŭ almenaŭ malpligrandigi kiel ajn eble la minacojn kaj garantii al ĉiu popolo, interne de sia laŭleĝaj limoj, la sendependecon de sia teritorio.“

Tia estas la celo. Sed la iloj por alveni al ĝi?

Unue ekzistas moralaj iloj kaj estas signifa por la misio de Lia Papa Moŝto, ke li klarigis ilin: „Precipe“, tiel skribis Benedikto XV[a] al la Germanaj episkopoj, la 15[an] de julio 1919, „oni devas forigi ĉian senton de la malamo, tiel je la alilandanoj, kontraŭ kiuj oni bataladis, kiel je la anoj de la diversaj partioj. La malamon,“ daŭrigas la Papo, „vi devas anstataŭi per la frata karito, kiu elfluas de Jesuo-Kristo, la karito, kiu konas nek barojn, nek landlimojn nek batalojn inter la klasoj.“

Ĉi tiu devo de la karito estas surmetita al ni ĉiuj, la venkintoj kaj la venkitoj.

Same estas koncerne la devon de la justeco, kiu postulas, ke la domaĝoj estu rebonigataj per tiu, kiu estas la kaŭzinto kaj ke estu respektataj la rajtoj kaj la justaj aspiradoj de la popoloj. Ĉu estas necese, ke oni memorigu la emociigan kaj urĝantan petegon de Lia Papa Moŝto dum la plej malĝojigaj horoj de la milito?

„Ke oni pripensu bone: la nacioj ne mortas; preparante la venĝon, ili portas ĝemante la jugon, kiun oni surmetis al ili, kaj transdonas de generacio al generacio la malĝojan heredaĵon de la malamo kaj de la venĝo. Kial oni ne pesu jam nun kun serioza konscienco la rajtojn kaj justajn aspiradojn de la popoloj?“

Tiuj ĉi vortoj de la justeco kaj de la karito simboligas bonege la grandajn devojn, kies plenumo ebligus vere viveblan Societon de la nacioj. Ni ne forgesu! Tiu ĉi societo nur povas naskiĝi en konvena atmosfero morala, t. e. purigita de la spirito de l' malamo kaj de l' reĝemo.

Sed la Papo ne haltis je tio: li precizigis kelkajn ilojn materiajn, por alveni al la celo. Dum longdaŭra aŭdienco, kiun li bonvolis doni al Marc Sangnier, deputato de Parizo, kaj al mi mem, la 8[an] de januaro 1920 Lia Moŝto nombris ilin: 1[e] la samtempan kaj reciprokan forigon de la deviga militista servo, la kondiĉo de la senarmiĝo kun ĝiaj sekvoj; 2[e] la kreon de arbitracia tribunalo ŝarĝita solvi la internaciajn konfliktojn; 3[e] la necesecon demandi la popolojn aŭ almenaŭ la parlamentojn antaŭ ĉiu militdeklaro. Sendube nur tiamaniere oni povas liberigi la popolojn de la ŝarĝo de la sinarmigo, vera kiraso bronza, kiu ilin senspirigas, kaj estas garantita aliflanke sendependeco, je kiu ili estas prave ĵaluzaj.

Kaj la Sankta Patro klariginta kun fervoro tiujn ĉi reformojn precizajn, invitis nin bataladi en la publika opinio por prepari la realigon.

Ĉu estas necese konstati, ke neniu nacio sole povas akcepti ilin sen riski, ke ĝi endanĝerigu sian propran sendependecon nacian? Kiel diras Lia Papa Moŝto, estas necese, ke ili estu akceptitaj samtempe de ĉiuj nacioj — aŭ alie de neniu.

Tiuspecaj estas la reformoj — moralaj kaj materiaj,

## LA PATRO.

De Leonhard Frank, esp. W. K. 4

(Fino.)

„La homoj estas frenezaj, vere kaj efektive frenezaj, ĉar ili forgesis la amon. Kaj ĉar ili forgesis la amon, ili opinias, ke ĉio devas esti tia kia ĝi estas. Nia popolo, kian ni vidas ĝin, nur ankoraŭ konsistas el kripluloj kaj mizere aspektantaj infanoj kaj maljunuloj. Se oni nun alportus ankoraŭ de la batalejoj la brakojn kaj krurojn, la disigitajn homajn kapojn, la milionojn da disŝiritaj kadavroj, inter kiuj estas ankaŭ viaj filoj kaj edzoj, kaj jetus ilin sur viajn stratojn, antaŭ viaj okuloj, ĉu vi ankaŭ tiam ankoraŭ dirus, ke oni devas do akomodiĝi? Aŭ ĉu vi fine genuus, pretaj al amado, kio ajn estus la rezulto? Ĉu vi tiam fine dirus: mi ne volas vivi, se mi ne rajtas ami? Ĉu vi komprenus, ke tiuj, kiuj malpermesas al vi la amon, estas malamikoj? Malamikoj de la homoj. Malamikoj de la popoloj. Ĉu vi ne vidas la montojn da disŝiritaj homaj korpoj? Ili kuŝas sur viaj stratoj, ke veturilo ne plu povas veturi kaj vi ne plu povas fari paŝon. Viaj filoj! Viaj filoj! Viaj edzoj! Patroj! Sangaj! Disŝiritaj! Ne ekoneblaj!“

Krio ekiĝis el la mezo de la salonego. Malantaŭe ĉe la haleniro sonis bestsimila ĝemado. Al maljuna viro la frunto falis en la manojn. Knabino forlasis la seĝvicojn; ŝi havis grandajn okulojn kaj falegis sur la genuoj.

„Ni ne pli longe devas trompi nin mem kaj diri: la caro, la imperiestro, la Anglo estas kulpa.“ Roberto malrapide metis la manon kun la telertuko al la brusto: „Mi estas kulpa. Kaj vi estas kulpaj. Kaj mi kaj vi, ne pli kaj ne malpli ol la caro, la Anglo, la imperiestro kaj la miliardulo. Ĉar ankaŭ tiuj, same kiel ni, estis forgesintaj la amon. Prenu la kulpon sur vin, por ke vi denove povu partopreni la amon. Ĉar nur tiu, kiu tie-ĉi sin sentas kulpan, povas esti senpekigata kaj povus ami denove.“

„Kaj nun sciu: la amo portas en si rigoran ordonon. La amo diras: kiu ne amas, estas kulpa kaj malica kaj devas cedi, por ke la amo sur la tero ne plu trovu barojn. Ni volas fali kaj morti pro tio, ke la regado de Eŭropo estu transdonata al la amo.“

La homaj vizaĝoj malsupre en la ĉambrego estis malstreĉitaj.

Daŭrigante paroli Roberto malsupreniris la podion. Ĉiuj estis ekstarintaj, premiĝis post li.

„La ordono de la amo estas: Kiu ne sentas sin kulpan, ne prenas sur sin la kulpon, tiu ne amas, estas nia malamiko, devas malaperi. Tio estas leĝo. Nova leĝo! Vi, kiuj neniun plu povas perdi, ĉar vi ĉion jam estas perdintaj . . .“

La vortoj de Roberto pereis en la centvoĉe ripetataj vortoj: „Ĉio perdita! Ni nenion plu povas perdi. Ni nenion plu povas perdi . . . Nenion! Nenion!“

La sciigo jam disvastiĝis, kiam ili procesiis tra la stratoj. Antaŭe la kelnero, sen ĉapelo, en ŝmirita frako, la telertukon en la mano. „Tiuj volas fari pacon. Tiuj volas fari pacon.“

Vendistinoj — eksfianĉinoj — forlasis la magazentablon kaj alariĝis. Du purigistoj de montraj fenestregoj — maljunaj viroj — lasis stari la ŝtupetaron kaj aliĝis. La kondukisto de la elektra tramo aŭdis la vorton „paco“, rigidiĝis, malsupren saltis de la vagono kaj aliĝis. La pasaĝeroj aliĝis. En malmultaj minutoj la amaso trioblîĝis. Kaj dekobliĝis, kiam Roberto, alveninte sur la placo, staris sur la pelvo de la fontano kaj parolis. Akompanante siajn vortojn per gestoj, li parolis kun emfazo sian lastan frazon: „Hakilo jam estas metita al la radiko. Tial ĉiu arbo, kiu ne portas bonajn fruktojn, estos forhakata kaj jetata en fajron.“

Juna edzino staris tie kaj ne faris alian ol rideti kaj diri „pacon“. Vojaĝantoj, kiuj venis de la stacidomo, forgesis ĉion kaj aliĝis, kiam la amaso daŭris marŝi. Flamiĝante. Rapide. Ekbruligite de la kredo. Aro da forpermesuloj, tute ekipite por la militejo, la pafilon oblikve sur la dorso kaj la teruron de la batalkampo en la okuloj, aliĝis. Maljunaj patrinetoj apenaŭ povis sekvi. Infanoj havis mallarĝajn vangojn pro miro kaj antaŭsentis la grandon. Maljuna polica serĝento kun griza pintbarbo, la funebran krepon ĉe la dekstra brako, havis fanatikajn okulojn kaj aliĝis. Homoj, kiuj renkontis la irantaron, sin turnis, ekkaptite de la fajro. Biciklistoj rapidegis tra la stratoj. „Tiuj volas fari pacon!“ La gastejoj malpleniĝis. Laborejoj, konstruejoj malpleniĝis. Transmisioj haltis. Taĉmento de soldatoj kun pafiloj estis kuntirata. Kantoj de l' amo eksonis en marŝtakto. Malsanuloj forlasis la litojn, trenis sin al la fenestro. Kilometrolongaj vicoj da virinoj alariĝis oblikve unu al la alia kaj kuniris kun la procesio.

Dudekjarulo — fanatikecon kaj inteligentecon sur la frunto — eksaltis el homoplena flankastrato al la kelnero, kisis lin. Kaj lia varmega ekvido malfermis la korojn. La tuta urbo ekstaris kaj kriis unu vorton: Paco! La vorto tiel parolita fariĝis multmilvoĉa potenca kanto.

Ĉiuj preĝejaj sonoriloj sonoradis.

kiuj ebligas la veran Societon de la nacioj. Vera societo de la nacioj, kion diras tio? Societo malfermata al ĉiuj nacioj, havanta aŭtoritaton super ĉiuj ŝtatoj, havanta per polica forto internacia por respektigi siajn decidojn, por savi la justecon kaj sendependecon por ĉiuj popoloj, por subpremi, se necese, ĉiajn maldisciplinaĵojn, de rabado aŭ regemo; societo fine direktata de reprezentantoj elektotaj de la popoloj mem aŭ de la laŭleĝaj parlamentoj, kaj ne de diplomatoj nomigitaj ekskluzive de la registaroj.

Sed neniajn iluziojn! La realiĝo de ĉi tiu societo vere kapabla garantii la pacon kaj justecon en la mondo, postulas profundan reformon en la spiritoj kaj animoj, eble pli urĝe ol en la institucioj. Do oni devas penetrigi en la animojn de la nacioj vivan spiriton de la amo, de la karito, de la paco. Oni devas eltiri el la koroj ĉian deziron malbonan de regemo, ĉian penson malmoralan de malamo, ĉian mortigan volon de venĝo.

Jes, estas fakte, kiel diris Lia Papa Moŝto, „nobla krucmilito de karito", kiun oni devas entrepreni tra la tuta mondo. Entuziasme nin ĵetante en ĉi tiun batalon, ni scias, ke ni korespondas al la plej arda deziro de la Sankta Patro, kiu meritas esti nomata la Papo de la Paco. Kio koncernas nin ni konfidas, ke katolikoj el ĉiuj landoj klopodas respondi al lia alvoko; ke ili volas interkonsenti pri entrepreno, kiu kunhelpos estonte por liberigi la homaron, elĉerpitan dum kvar jaroj per terurega katastrofo, per la materiaj kaj moralaj ruinegoj de la milito.

Georges Hoog, Parizo.

## Pro H. Gruber, S. J., pri Internacio Katolika.

Ĉiulande famkonata estas la en Nederlando loĝanta verkisto kontraŭframasona, la jesuito H. Gruber. En la Oktobra numero de la germana scienca revuo „Stimmen der Zeit" (voĉoj de l' tempo) li raportas pri „la problemo de la laŭtempa finkonstruado de la tutmonda katolika organizado". Gruber tutkore salutas ĉiujn klopodojn por realigi vere fratan kunlaboradon de la katolikoj ĉiulandaj. Li memorigas kronologie kiel ĝisnunajn provojn la „Mondpacan ligon Blanka Kruco", la „Internacion Katolikan", la „Apostolan Ligon" kaj la „Tutmondan ligon Katolikan", kiuj laŭ P. Gruber ĉiuj estas kuraĝigitaj per la apostola seĝo.

Ĉar la historio de la diversaj klopodoj por atingi veran internacion katolikan certe interesas universale, ni mallonge raportas laŭ P. Gruber pri la diversaj klopodoj.

1916 dum la milito Dro Metzger en Graz (Aŭstrujo) fondis la „Mondpacan Ligon Blanka Kruco" kiel internacian unuiĝon de la katolikaj pacemuloj: la ligo korespondanta al la papaj porpacaj klopodoj ricevis (27an de junio 1917) pro sia internacia programo la papan aprobon per letero de la stata sekretariejo de l' papo.

El tiu ĉi unuiĝo internacia de la pacemuloj katolikaj kaj el la 1909 fondita „Internacia Katolika unuiĝo Esperantista" (IKUE) elkreskis la „Internacio Katolika" (Ika), fondita dum la Haga Kongreso (10an ĝis 16an de aŭgusto 1920); parohestro Poell en Gemert (Nederlando) kaj Dro Metzger ĉefe atingis laŭ P. Gruber ĉi tiun rezultaton. Ika trovis la papan benon en la privata aŭdienco bonvole permesata al Dro Metzger (12an de noktobro 1920); lia papa moŝto ankaŭ kuraĝigis la kongreson de Ika en Graz per antaŭa salutletero (5an de januaro 1921) kaj ankaŭ per posta saluttelegramo (15an de aŭgusto 1921).

„Apostola ligo katolika" estas fondita de P. A. Philippe, C. SS. R., en Bruxelles en la jaro 1916; ĝi alcelas la renovigon de la popoloj sur kristano — katolika fundamento per realigo de la prakristaj principoj. Benedikt XVa rekomendis la Apostolan Ligon per letero (18an de novembro 1918).

Je la fino de l' novembro 1920 la profesoro de l' hemio Dro Steger en Hago publikigis la planon de „Tutmonda ligo katolika" por unuigi ĉiujn naciajn instituciojn („œuvres") kaj organizaĵojn katolikajn, ankaŭ Dro Steger estis kuraĝigita por siaj klopodoj del' apostola seĝo.

Fine estas citinda laŭ P. Gruber la klopodo de Don Sturzo, ĉefsekretario de la (kristana) popola partio en Italujo por unuigi la politikajn partiojn kristanajn (precipe katolikajn) en politika kunagado; la citita klopodo korespondas parte je la klopodoj de Marc Sangnier, deputato en Parizo, gvidanto de la katolikaj demokratoj en Francujo.

Resume P. Gruber konstatas, ke la klopodoj de Dro Steger pro la troa mekanikeco de la organiza formo kaj precipe sekve de le malkonfido de la oficialaj rondoj katolikaj en Francujo jam malsukcesis. Li esperas apogon de la kristanaj interesoj en la politiko de la klopodoj de Don Sturzo. Koncerne la „Internacio Katolika", kaj la „Apostola ligo" P. Gruber ĝoje konstatas la personan interligiĝon de ambaŭ organizaĵoj per la fakto, ke P. Philippe, direktoro de la „Ligo apostola" estiĝis prezidanto de Ika per la elekto de la lasta ĝenerala kunveno en Graz.

La tiamaniere kunligigitajn du organizaĵojn P. Gruber fine nomas „la hodiaŭ solan ilon sufiĉe taŭgan al internacia kunlaborado de la katolikoj por atingi la mondpacigajn celojn proklamitajn de la papo Benedikto XVa."

F. P.

(Tradukebla por naciaj gazetoj.)

## „Vidu, kiel ili amas unuj la aliajn ..."

La Judoj nome! Kelkaj ekzemploj. Okaze de iu juda festtago oni kolektis en Usono duonan milionon da dolaroj (2 miliardoj da aŭstr. Kr.!!) por la juda nacia fundo ...!

Laŭ judaj gazetoj en New York la usonaj judoj donacis al siaj parencoj en Eŭropo dum unu jaro la sumon de 100 milionoj da dolaroj (400 miliardoj da aŭstr. Kr.!!) ...

La tutmonda helpkonferenco juda organizis la translokigon de judaj familioj el la sovjeta Ruslando kaj elspezis pro tio almenaŭ 50.000 dolarojn (200 milionoj da aŭstr. Kr.) ...!

Tio estas la juda internacio! Jen ili regadas la mondon! Kaj ni katolikoj ...?

## Ĉu la sankta Aŭgustino estas malprava?

„Precipe la diverseco de la lingvoj estas, per kiu oni fariĝas ĉe alia fremdulo. Supoze, du homoj, kiuj sin renkontis, devas resti kune, ne komprenante unu la lingvon de la alia, ĉu ne estas pli facile, ke eĉ bestoj ĉiuspecaj povas sin unuigi ol tiuj, kiuj do estas homoj? Se ili do nur sekve de la diverslingveco ne povas interŝanĝi siajn pensojn reciproke, ĉu la komuneco de la naturo ne kondukas al la komuneco? En tiaj cirkonstancoj vivas homo pli volonte kun sia hundo ol kun fremda homo ..."

Ĉu la sankta Aŭgustino estas malprava? Ĉu ne la manko de komuna lingvo estas la malbeno de la peko, kiu malhelpas la tutan homan komunecon? Ĉu ne estas mizero, ke eĉ la infanoj de la unu katolika t. e. universala eklezia komuneco sin kontraŭstaras kiel surdmutuloj? Ĉu ne estus miriga nova mondpentekosto, se la katolikoj el ĉiuj landoj povus sin kompreni en unu lingvo unu la alian? Se ekzistus tia ebleco, ĉu ĝi ne devus esti uzata de ĉiuj katolikoj por krei per tio: la „Internacion katolikan" kiu jam esence estas realigita per la eklezio?

> **Ĉu vi jam pagis**
> **la abonprezon por K. M.?**
> Estonte rizevos la gazeton nur la ĝis la 1a de januaro pagintaj abonantoj!
> **Do pagu tuj!**

Ekzistas tia katolika lingvo. Ĝi devas nur esti uzata kaj lernata de ĉiuj katolikoj. Estas Esperanto, la konata helplingvo de la okkulkuracisto Dro Zamenhof. Artefarita lingvo! Tial ĝi renkontis jam antaŭe naturan malkonfidon kaj antaŭjuĝon kiel ĉio nova, ankoraŭ ne ekzistinta. Sed al malkonfido ne estas kaŭzo. Kion volas la helplingvo, tio estas per ĝi laŭsperte facile atingebla. Ĝi ne volas forpuŝi la ekzistantajn lingvojn, tute ne. Ĝi volas esti por ĉiuj popoloj la unua fremda lingvo apud la nacia lingvo, la neŭtrala interkomprenilo por la tuta mondo. Kiu jam detale kaj serioze okupis sin je Esperanto, faras la sperton, ke temas tie-ĉi ne nur je sufiĉa interkomprenilo, sed ke ni havas en Eo idealan, belsonan kaj tre esprimeblan lingvon, kiel ĝin nur povis eltrovi geniulo. Esperanto ne estas lingvo kunelikita el ĉiuj lingvoj, sed kvazaŭ la komuna radiko de ĉiuj lingvoj. La gramatiko de ĉiuj lingvoj estas rekondukita en ĝi al la komuno, absolute neceso, per kio oni atingas frapante logikan konstruon. Lingvo kun reguloj sen esceptoj. Kiu lernis ian lingvon novan aŭ malnovan (resp. dezirus lerni) kaj en longaj jaroj de la studado de la komplikitaj lingvaj leĝoj ne povis lerni ĝin, tiu estas surprizata, ke li povis lerni Esperanton en mallonga tempo. Fakte oni povas lerni en kelkaj horoj la gramatikon de Esperanto, legi en kelkaj tagoj Esperantotekstojn sen granda malfacilaĵo kaj kompreni en kelkaj semajnoj eĉ la plej malfacilajn demandojn. Dum la internacia katolika kongreso en Hago en aŭgusto 1920 gimnazia direktoro faris paroladon efikan, kvankam li lernis Esperanton dum la kongreso. Kia riĉiĝo estus por la katolika ideo, se oni povus efektivigi pere de tiu-ĉi lingvo reciprokan pensointerŝanĝon inter la samkredanoj! Aŭ ĉu povas lasi la katolikoj eltrovojn kiel la mondhelplingvon ktp. al la socialistoj, framasonoj ktp., kiuj ĝin jam nun tre fervore uzas? Ankaŭ tie-ĉi estas kiel ĉe la libropresada arto! Kiu uzas la neŭtralan rimedon de la pensa disvastigado, tiu havas la profiton. Bone, ni katolikoj donu la ekzemplon al aliaj kaj ni havigos al ni la gravan profiton de la katolika mondlingvo. Ne diru la solulo: Mi ne povas tuj uzi Esperanton, ĉar la aliaj ankoraŭ ne lernis ĝin. Tiamaniere oni ne venas antaŭen en la mondo! Ankaŭ la telefono ne havis valoron, tiel longe ol ke ne ĉie estis telefonoj. Ĉu oni tial ne estus devinta komenci? Ĉiu katoliko lernu Esperanton, la uzo de tempo kaj mono estas tiel malmulta kompare al la atingita sukceso, kaj en mallonga tempo ni havas la vivan katolikan internacion!

La „Katolika Internacio", kiu estis fondata dum la internacia katolika kongreso en Hago 1920 uzis la eblecojn de Esperanto. Ĝi kreis internacian katolikan agadan centrejon en Graz, Karmeliterplatz 5, kiu provas doni la eblecon, ke ĉiuj katolikoj povu interrilati inter si, sed precipe la katolikaj organisacioj de la diversaj landoj antaŭ ĉio pere de Esperanto. Ĝi starigas en ĉiu urbo de la mondo delegitojn, de kiuj oni povas ricevi pere de Esperanto ĉiuspecajn informojn. La delegitoj ankaŭ helpas la vojaĝantajn katolikojn kaj efektivigas per tio la belegan katolikan penson, ke oni estas en la tuta mondo hejme kaj povas reciproke kompreni sin en unueca lingvo. Fakdelegitoj por la diversaj branĉoj de la katolika laboro ekz. junulara, laborista, virina, abstineca, morala, paca movadoj, interna kaj ekstera misio, karito, prizorgadoj ĉiaspecaj ktp. estos destinataj en ĉiu lando se eble samtempe ankaŭ en la plej grandaj urboj de ĉiu lando kaj ebligos per tio la reciprokan interrilaton de la samspecaj organisacioj kaj movadoj en la diversaj landoj. Direktoroj de la Ika en ĉiuj landoj donas regule monatajn raportojn pri la katolika vivado al la centrejo, kiu peras per tio sciigojn ĉiuspecajn el ĉiuj landoj. Internacia katolika organo „Katolika Mondo" ebligas al ĉiu katoliko, esti en rilato kun la katolika vivo en ĉiuj landoj kaj je ĉiuj branĉoj, peras la reciprokan pensointerŝanĝon de la gvidantoj de la katolika movado en ĉiuj landoj ktp. Malmultaj horoj de la studo de Esperanto ebligas jam la legadon de tiu interesa gazeto. Por ankaŭ ebligi la verkistan kunlaboradon al tiuj, kiuj ankoraŭ ne povas skribi en Esperanto, artikoloj ankaŭ en la nacia lingvo povas esti skribitaj kaj poste tradukitaj en Esperanton. La senpera reciproka pensa interŝanĝo de la katolikoj de ĉiuj landoj estas ebligata per la internaciaj katolikaj kongresoj, ke estos uzato Esperanto.

En sankta idealismo, en la kredo de la mondmisio de la eklezio, oni komencis la entreprenon. Nun devas ni montri, ĉu la katolikoj estas la dormantaj reakciuloj, kiel kiuj ni estas rigardataj de niaj kontraŭuloj aŭ ĉu ni estas kapablaj en potenca fortmalfalto realigi movadon de decida mondsignifo.

Ĉiu opa katoliko tuj komencu la studon de Esperanto! Lernolibrojn oni povas ricevi de la centrejo de la Katolika Internacio. La memstudado estas ankaŭ sen iu ajn lingvaj konoj facile ebla. Ĉiu katoliko tuj sciigu sian aliĝon al Internacio katolika.

Ĉiu katolika organizacio klopodu kiel eble plej rapide realigi unun aŭ plurajn kurzojn por Esperanto en sia loko. La katolikaj Esperantounuiĝoj aliĝintaj al Ika peras volonte adresojn de kursinstruistoj ktp.

Ĉiu katolika organisacio aliĝu al Internacio Katolika kiel eksterordinara membro; jara kotizaĵo laŭ interkonsento.

Katolikaj lernejoj, instruistaj seminarioj, pastroseminarioj ktp. havas unuavice la taskon disvastigi la scion de la katolika lingvo per kursoj ktp. La katolika gazetaro havas specialan taskon gravan forigi la ankoraŭ ekzistantajn stultajn antaŭjuĝojn kontraŭ Esperanto kaj gajni la katolikojn por tiu-ĉi granda unueca ideo. En ĉiuj landoj la movado komencas nun potence. La socialistoj ne havas privilegion je Internacio, kiu ĉiam garantias grandegan forton. Kion la savinto kvazaŭ kiel lastan testamenton elparolis dum la sankta vespermanĝo kiel deziron kaj preĝon „Ut omnes unum" (ke ĉiuj estu unu), tio valoras unuavice por ni katolikoj. Katolika internacio de komuna kristana amo kun katolika lingvo!

Al agado!

Dro M. J. Metzger.

## Kion faris Ika dum la pasinta jaro?

Tre karaj amikoj en la tuta mondo!

Ika ĝis nun silentis pri sia agado. Ni ne volas laŭdi nin mem. Tial ni silentas. Sed ekzistas personoj, kiuj ne ĉesas kritiki nian movadon. Pro tio ni estas devigataj, ne plu silenti, sed paroli por servi al nia sankta tasko. Sed ni ne volas laŭdi nin mem. Ni tre bone scias, ke Dio donas la forton, la ideon, la sukceson. Al li estu do la korega danko!

Kion faris Ika dum la unua jaro? Kiam oni fondis en aŭgusto 1920 en Hago nian Ika, ekzistis absolute nenio; nek mono, nek oficejo, nek profesia kunlaboranto, nek ano, nek nacia direktoro bone informata pri ĉio, nek delegito. Tiam Blanca Kruco (Internacia societo por enlanda misio) multege helpis. Ĝi metis je la dispono la oficejon de sia internacia ligo de katolikaj pacemuloj (Kruco Blanka) kun tuta la necesa meblaro, skribmaŝinoj, plimultigiloj, kaso, librotenado, adresaro ktp.; ĝi prunte donis precipe la necesan monon por pagi la salajrojn, la skribpaperon, flugfoliojn, la poŝtkostojn ktp. Nun oni povis komenci la laboron. Laŭsistema propagando tutmonda estis organizata. Oni devis serĉi kunlaborantojn en la tuta mondo. Unue ni dissendis latinlingvajn cirkuleroin al ĉiuj episkopoj de la tuta mondo por informi ilin pri Ika kaj estonta kongreso kaj elpeti ilian subtenon. Plue oni pretigis proksimume 30.000 flugfoliojn en la kvin ĉefaj lingvoj de la mondo por havi taŭgajn propagandilojn kaj oni dissendis ilin parte per la direktoroj kaj delegitoj, parte per la C. A. O. Ĉiuj gravaj organizaĵoj kaj institucioj katolikaj, kies adresojn ni povis trovi, plue multaj individuaj personoj estis informataj; multaj miloj da leteroj por varbi kaj klarigi estis dissendataj en la tuta mondo.

Intertempe oni devis prepari la Internaciajn Konferenzojn, kio pro multnombraj malhelpaĵoj diverspecaj kaŭzigis multege da laboro. Pli ol 15.000 „Invitoj", verkigitaj en la kvin ĉefaj lingvoj, oni dissvastigadis per ĉiuj iloj en la tuta mondo. Plue oni devis fiksi la programon, serĉi la raportistojn, doni

klarigojn kaj informojn al multnombraj demandleteroj. Speciala tasko estis la propagando en la katolika gazetaro. Unue ni devis kompletigi nian adresliston, poste ni dissendis multe da noticoj, artikoletoj en la tri ĉefaj lingvoj en ĉiujn partojn de la mondo. Certe, ofte la gazetoj ne represis niajn noticojn. Tamen ni devas konstati, ke en la gazetaro de preskaŭ ĉiuj pli gravaj ŝtatoj oni povis trovi sciigojn pri Ika. Nun ni ĵus kompletigas la gazetan servon de Ika. Fine multaj klarigoj ĉe la oficialaj rondoj, multaj vojaĝoj, tre multekostaj por malriĉaj Aŭstroj, estis necesaj. Aparta servo estis organizata por trovi interrilatojn kun la samtendencaj movadoj, por klarigi la problemon de la internacia organizado mem. Pro tiu celo multaj memoroj en la diversaj lingvoj estas ellaborataj kaj vasta opiniošanĝo kun spertuloj de la internacia movado realigata. Fine, ni ne forgesu, ke daŭra defendo de nia movado kontraŭ atakoj, maldiraĵoj, kalumnoj ktp. estas necesa, kiu kaŭzas multege da laboro. Kompreneble Ika havas kontraŭulojn. Kiu movado, kiu persono staranta en la publika vivo ne havas kontraŭulojn? Parte ili tute rifuzas la internacian kunlaboradon katolikan (plej ofte ol naciegoistaj politikaj kialoj), parte ili kontraŭbatalis nin, ĉar ili opinias malĝustan nian labormetodon, parte persona malscio aŭ malkompreno kaj kelkfoje ankaŭ persona ĵaluzo kreas kontraŭulojn; ne laste kompreneble ni faras ankaŭ erarojn. Kiu faras neniam erarojn en sia agado? Li venu kaj agadu mem plibone! Ni estas dankemegaj!

Do Ika **agadis** dum la pasinta jaro. Tion povas nei neniu! Kaj la sukcesoj? Ni ĉiuj scias, ke la sukceso lastfunde venas de Dio. Ni mem nur povas labori kaj ni laboris nur por servi al la Dia Regno! Kaj ni ĝoje povas konstati, ke la sukcesoj kompare al la multegaj malhelpaĵoj estas sufiĉe grandaj. Estas kompreneble por ĉiuj, kiuj konas la internacian situcion hodiaŭan, ke oni ne povas realigi tiel grandiozan taskon kiel estas nia Ika en kelkaj semajnoj aŭ monatoj; eĉ ne en kelkaj jaroj! Kiel ĉiu granda entrepreno ankaŭ la Ika-movado bezonegas paciencan, oferemam, senlacan laboron. Ankaŭ Ika devas komenci malgrande por kreski dum multaj jaroj. Ni ja ne laboras por hodiaŭ aŭ por morgaŭ sed por la estonto de la sankta eklezio.

Kaj nun la sukcesoj? En 32 diversaj ŝtatoj de la tuta mondo naciaj direktoroj aŭ reprezentantoj estas destinitaj. Ili estas sarĝitaj, disvastigadi per ĉiuj iloj nian movadon en siaj landoj. Precipe ili serĉas starigi nacian komitaton kaj trovi en ĉiu urbo aŭ regiono kunhelpantojn! Do anoncu vin ĉe via nacia direktoro kiel kunlaborantoj! Plue en eble 150 urboj de la mondo delegitoj estas nomitaj kaj nun ni devas kompletigi la internacian delegitan sistemon! Do, kiu ankoraŭ ne estas delegito, anoncu sin tuj! La anoj de Ika estas disvastigataj tra ĉiuj landoj. Jam aliĝis naciaj organizaĵoj diverslandaj — kiel ordinaraj membroj (ekz. en Svisujo, Belgujo, Anglujo, Germanujo, Argentinujo ktp.) kaj kun multaj institucioj naciaj estas komencitaj koraj interrilatoj. La perfektigo de la Internacia Centra Oficejo bezonis multe da laboro kaj mono. Internacia eldonejo estas fondata. La fondo kaj daŭra eldono de Katolika Mondo estas tre laborplena kaj multekosta afero. Kaj nun la novaj taskoj realigindaj laŭ la decidoj de la konferencoj! La perfektigo de la internacia informa oficejo, pri kiu ni baldaŭ raportos en K. M. La pligrandigo de K. M. mem; la kompletigo de la delegita sistemo, de la internacia gazetara servo, la preparo de la sekvonta kongreso, la pligrandigo de la propaganda laboro ... Kiom da laboroj necesegaj, kiom malmulte da kunlaborantoj, kiom malmulte da monrimedoj!

Ĉu Ika faris ion en la pasinta jaro? Ĉu Ika devas fari ion en la sekvonta jaro? **Ĉu vi jam faris ion en la pasinta jaro? Ĉu vi faros ion en la sekvonta jaro? Ĉu vi varbas anojn, sendas mondonacojn, kunhelpas en la gazetara, en la delegita servo? Kritiku, jes! Ni kore dankas! Sed agadu ankaŭ! Agadu! Tio estas la fina venko!**

Kasparo Mayr, Ĉefsekretario de Ika.

## Ĉu vi jam pripensis tion?

Sendube vi legas tre ofte pri la grandega mizero senfina de nia malfeliĉa Aŭstrujo. Sed eble vi pensas kelkfoje: Ho, tio estas en malproksima Aŭstrujo, tio ne tuŝas min. Sed eble vi pripensas iomete tion, se mi montras al vi per malgranda bildo klariga la vivkostojn 1914 kaj 1921 (Oktobro). Oni aĉetis:

| | 1914 | 1921 |
|---|---|---|
| por | 7 *K* bonegan tagmanĝon | nutraĵon por kanario |
| „ | 16 *K* botelon da vino de Champagne | unu bulkon |
| „ | 40 *K* skribtablon | unu krajeron |
| „ | 70 *K* unu vestaĵon | unufoja frizado unu kravaton |
| „ | 1000 *K* meblojn por manĝoĉambro | 1 *kg* da butero |
| „ | 3000 *K* malgrandan farman bienon | unu kaprinon |
| „ | 35000 *K* belegan domon | unu surtuton |

Jen la prezoj je la fino de oktobro. Kiam vi legas ĉi tiujn liniojn je la fino de novembro, ĉiuj prezoj estos almenaŭ duobligitaj kaj je la fino de decembro triobligitaj. Kaj la kialo? Dum ok semajnoj la krona kurso en Zürich, Svisujo, falis de 0·80 ĝis 0·15. Tio signifas la almenaŭ kvinoblan pligrandigon de ĉiuj prezoj!

Kion signifas tiela katastrofa situacio por Ika? Hodiaŭ valoras 100.000 *K* la samon kiel 20.000 en aŭgusto! Do la monrimedoj estintaj al la dispono de Ika-laboro en aŭstriaj kronoj estas tute senvalorigitaj. La **budĝeto de Ika devas esti tuj plialtigata je la kvinobla sumo en aŭstria mono!** Ĉar ĉiuj elspezoj por sendkostoj, por paperaĵoj, skribiloj, maŝinoj, salajro en mallonga tempo kvinoble pligrandiĝos. Do **financa subteno estas urĝa.** Niaj enlandaj amikoj kaj kunlaborantoj ne povas alporti monon; ili malriĉiĝas kaŭze de la ĝenerala mizero. Nur la oferema kunhelpo de niaj eksterlandaj amikoj, precipe el la altvalutaj ŝtatoj povas esti plunumata nia sankta tasko. Ĉu vi jam pripensis, kion tio signifas por vi?

K. M.

## Internacia katolika unuiĝo Esperantista (IKUE).

### Du katolikaj Esperanto-organizaĵoj internaciaj?

En la Itala „Esperanto" profesoro **Alessio** diskutas pri la vojo por sukcesigi la klopodojn por la unueca helpa mondlingvo Esperanto. La estimata verkisto raportas inter aliaj pri li Graz'aj konferencoj; li sincere konstatas la grandan sukceson de Ika, ke ĝi tute konvinkis la ĉeestintajn neesperantistojn je la neceseco de helpa mondlingvo kaj la taŭgeco de Esperanto. Koncerne la ĝenerala kunveno de IKUE, kiu preskaŭ unuanime (kontraŭ nur 10 voĉoj) decidis, estonte agadi kiel faka organizaĵo de Ika kaj akcepti „Katolika mondo", kiel sian oficialan organon, li pensas, ke estus eble, krei krom la granda inter Ika ekzistanta IKUE malgrandan tute memstaran organizaĵon de poresperanta propagando por katolikoj. Ni miras, ke la pro praktikeco de ni estimata verkisto rekomendas tielan malpraktikaĵon. Kion ni bezonas, tio certe ne estas multaj organizaĵoj, sed **multaj agemuloj unuigitaj en unu granda organizaĵo.** Kio estis la kialo de ne sufiĉa sukceso de la antaŭmilita IKUE, tio estis, 1. ke ĝi ne havis centran oficejon kun profesiuloj, 2. ke ĝi unuflanke alcelis **laŭstatute** estiĝi vera **peresperanta** internacia katolika organizaĵo, aliaflanke en la praktika agado tro malmulte akcentis la **grandajn katolikajn celojn,** realigeblaj per Esperanto kiel ilo kaj **tro multe Esperanton** kvazaŭ kiel **celon;** tiu metodo kompreneble ne povis akiri la klerulojn, la ekleziajn kaj sociajn eminentulojn de la katolikaro por Esperanto. La vere grava decido de la Haga kongreso forigis la estintajn malutilojn; ĝi kreis vere grandperspektivan katolikan internacion akceptantan Esperanton kiel ilon, kaj samtempe ĝi kreis centran oficejon kun profesiuloj agadantaj fervore ankaŭ por Esperanto, tiel ke en malmulta tempo tre malfavora pli da sukcesoj por Esperanto estas atingitaj ol antaŭmilite en favoraj cirkonstancoj dum multaj jaroj. Do ni ripetas: Ni bezonas nun grandan poresperantan organizaĵon katolikan kiel fakon de Ika, la ekzistantan IKUE, kaj precipe multajn agemulojn unuece klopodantajn por Esperanto en ĉiuj landoj. For la diskutojn! Vivu la unueca agademeco!

## Tutmonda Adresaro Katolika.

La decida tempo estas veninta. Ni devas konvinki la oficialajn rondojn katolikajn, ke Esperanto jam **estas disvastigata** en la mondo. Pro tiu celo ni preparas **Adresaron katolikan** enhavontan la adresojn de ĉiuj samideanoj katolikaj. Do ni petas kore ĉiujn katolikajn Esperantistojn tuj sendi sian ekzaktan adreson aldonante la fakojn, pri kiuj ili volas **korespondadi aŭ interŝanĝi sub „Adresaro" al Ika.**

## El la internacia katolika Esperanto movado.

**IKUE renaskiĝinta dum la internaciaj katolikaj konferencoj** en Graz jam komencis energian laboron por disvastigi Esperanton inter la tutmonda katolikaro. Ĝi eldonis novan flugfolion en granda eldono kaj dissendis ĝin al katolikaj pastroj, influaj laikoj kpt. Kiel nova laboro ĝi planas la dissendon de la sama flugfolio al ĉiuj episkopoj de Aŭstrujo, Germanujo, Svisujo ktp. Plue dissendis la centra oficejo al diversaj katolikaj gazetoj artikolojn pri la tutmonda katolika Esperanto movado. La sukceso de tiu sistema laboro pli kaj pli montriĝas. En multaj landoj, precipe en Germanujo, la movado faras bonegajn progresojn; novaj grupoj estiĝas, malnovaj revekiĝas. Per la vere admirinda laboro de kelkaj katolikaj Esperantaj grupoj la intereso por Esperanto kiel ĝenerala lingvo de la katolikaro konstante kreskas. Ankaŭ en landoj, kie la movado preskaŭ dormis, oni jam nun vidas la praktikajn rezultatojn de la ĝisnuna laboro de IKUE. Diversaj naciaj katolikaj Esperanto-organizaĵoj jam aliĝis kiel ordinaraj membroj de IKUE. Ni nepre petas ĉiujn organizaĵojn ankoraŭ ne aliĝintajn je baldaŭa aliĝo. IKUE nur povas labori grandsukcese, se ĝi estos subtenata de ĉiuj katolikaj Esperanto-organizaĵoj. Precipe ni petas tujan respondon de la sendita demanda folio, ĉar estas intencata granda propaganda agado. Proponoj por sukcesplena laboro la Centra Oficejo volontege akceptas kaj klopodos realigi ilin laŭpove.

H. S.

**La dua kongreso de Itala unuiĝo de katolikaj esperantistoj.** Okaze de la sesa kongreso de Italaj Esperantistoj en Trento oni aranĝis samtempe la duan kongreson de Itala Unuiĝo de Katolikaj Esperantistoj. La multnombraj kongresanoj unuanime aplaŭdis la jaran raporton de Prof. Corrado Grazzini kaj aprobis la de li proponitan novan statuton. Je la fino Prof. A. Alessio esprimis sub granda aplaŭdo la dankon de la kongresanoj al Prof. Grazzini pro lia bonega laboro. Longa kaj tre interesa diskutado sekvis pri la propono de Prof. A. Alessio por IKUE. Partoprenis en la duskutado preskaŭ ĉiuj kunsidantoj, inter ili Biscaglia (Lasino), Travaglia (Trento), Carolfi (Corte-maggiore), Grazzini (Firenze) ktp. Fine oni aprobis resolucion de Prof. Alessio. Nova direktoraro elektita: Prof. Corrado Grazzini (ĉefsekretario), Prof. Carolfi, Prof. Gamba, Dro Pizzi, Sro Violi.

Prof. Grazzini, Firenze, 6 Via dei Neri.

**München, Bavarujo.** En nia ĉefurbo tre agema movado. Tion belege provis la propaganda kunveno, la 9an de oktobro, kie estis kunvenintaj multegaj samideanoj kaj samkredanoj kaj karaj gastoj eksterlandaj. Bonega sukceso. Estos aranĝataj dum la vintro ses kursoj por komencantoj en diversaj urbaj distriktoj.

Pro Lukas, prezidanto.

**Essen, Germanujo.** Tre vigla agado. En ĉiu paroĥo de l' urbo oni serĉas krei apartan Ika-grupon aranĝontan Esperanto-kursojn. La abono de l' organo de Ika estas deviga. Oni esperas havigi 500 abonontojn! Tre imitinde!

Dro Hinsenkamp, prezidanto.

## Klarigo.

Dum la presigo de ĉi tiu numero de „Katolika Mondo" ni ricevis pere de nederlandaj amikoj la de Sro Dro **Smulders** verkitan broŝureton, kie Sro Smulders publikigas privatajn leterojn interŝanĝitajn inter lia Episkopo kaj li. La broŝureto svarmas de malkorektaj kaj personaj atakoj ofendemaj kontraŭ bonmeritaj pioniroj de la katolika Esperanto-movado. Se Sro Smulders havas alian konvinkon privatan ol plej granda parto de la katolikaj Esperantistoj: bone! Li disvastigu sian opinion per laŭkutimaj metodoj sen ataki neinformite la aliepensantajn. Se Sro Smulders pritraktas la nunan situacion en Nederlando: bone! Sed Nederlando ne estas la mondo! Sur ĉi tiu vojo de personaj atakoj kaj disputadoj senfruktaj ni ne sekvos Sron Smulders. Ni flanke de Ika nur volas konstati jenon:

1. Dum nia „Sesa" en Hago, kie estis la **oficiala** reprezentantaro de la katolika Esperantistaro, la IKUE kune kun Mondpacligo Kruco Blanka decidis **oficiale** krei „Interacion Katolikan" (vidu E. K. 1920, protokolo No 8 9; 10). Ĉi tiu **oficiala** decido, preskaŭ unuanime akceptita, **valoras,** ĝis kiam ĝi estos ŝanĝita oficiale. Sro Smulders ne havante oficialan komision de iu internacia kongreso aŭ instituciono rajtas paroli „nome de la katolika Esperantistaro" aŭ memstare ŝanĝi decidojn de la plimulto. Se li volas ŝanĝi ion, li faru la laŭkutimajn proponojn al la oficialaj instituciojn internaciaj!

2. Dum la jaro 1921 laŭ la deziresprimoj de pluraj samideanoj kaj interkonsente kun la prezidantoj de la naciaj organizoj Ika restarigis IKUE kiel memstaran fakorganizon por la katolika Esperanto-movado, el teknikaj kialoj tamen (por havi komunan Centrejon internacian) kunligitan kun Ika. La ĝenerala kunveno de IKUE, oficiale konvokata en Graz, akceptis tion preskaŭ unuanime, Nun Sro Smulders volas fondi novan IKUE arogante ĝin nomante „IKUE de Richardson" (miksante malnoble la gloran memoron de nia jam mortinta pioniro en siaj privataj opinioj).

Kun la sama rajto iu franca samideano povus krei „IKUE de Peltier" kaj alia „IKUE de Colas" ktp. Tiel gravaj aferoj nur povas esti decidataj per la internaciaj instancoj, ne per iu privata persono. Ĉar la disciplino estas la fundamento de l' unueco kaj frukta laboro.

Se Sro Smulders volas daŭrigi sian disunuigantan laboron kaj sian inter katolikoj nekutiman metodon de persona atako: li daŭrigu ĝin! Ni fermas la diskutadon, alcelante la unuecon. Oni do lasu la disputadojn al la disputademuloj, al ni tamen la agadon!

Kasparo **Mayr,** ĉefsekretario de Ika.

## Deklaracio.

Dro **Smulders** anoncas en broŝureto la starigon de nova IKUE de li persone fondita. Ĉar „Nia Sesa" en Hago decidis aranĝi la sekvontan kongreson de katolikaj Esperantistoj en Graz, sole tiu-ĉi, ne ia privata persono, rajtas decidi pri la formo de la katolika Esperanto organizo internacia. La kongreso de la katolikaj Esperantistoj, kiu okazis dum la konferencoj de Ika en Graz la 14an de aŭgusto, decidis per granda plimulto (kontraŭ nur 10 voĉoj) starigi IKUE kiel memstaran organizon aliĝantan tamen al Ika, elekti la prezidantaron (Srojn **Heilker, Mielert** kaj la subskribanton), la centrejon de Ika kiel CAO de IKUE kaj „Katolika Mondo" kiel oficialan organon de IKUE. Se Dro Smulders ne rekonante la oficialajn decidojn de nia sepa sian privatan IKUE absolute superfluan nomas „IKUE de Richardson" kaj eldonas privatan organon, nomante ĝin „organo de IKUE", ni protestas kontraŭ tiu agadmaniero malunuigante la katolikan Esperantistaron kaj petas ĉiujn samideanojn ne kunhelpi je tiu-ĉi malaŭdinda propremeco de Sro Smulders.

Hanns Sappl, ĉefsekretario de IKUE.

## Deklaracio de la Litova Ika-anaro.

Kun granda malĝojo ni tralegis la komunikaĵon de Dro **Smulders** pri „La Katolika Esperanto-movado" kaj pri starigo de „La IKUE de Sro Richardson". Tiu ĉi lasta ŝajnas al li esti benata de la eklezia ĉefestraro, kontraŭe de IKUE de Ika li trovas suspektindan, kiel posedantan nek „La apogon", nek „La legitimadon de la episkopoj".

Al tiu bedaŭrinda komunikaĵo estas almetita letero de Monsinjoro **Diepen,** s'Hertogenboscha episkopo, nederlande verkita kun pli ol stranga „Por la Esperantistoj ĉiulandaj" klarigo, ke ĉiu interrilato kun Dro **Metzger** en Graz estu rompata.

Kiaj kaŭzoj movigis la Nederlandan episkoparon malpermesi la Ika'on en siaj eparĥioj, ni ne scias. Sed kiel al filoj de Roma Eklezio, al ni estas tute klare, ke la decido de nederlandaj episkopoj neniel estas deviga „Por la esperantistoj ĉiulandaj" kaj por ni litovoj.

En la evoluo de katolika esperantismo oni povas distingi tri etapojn: 1. **nacian** (1887—1910), ĉar tiam ĝi disvastiĝadis en apartaj katolikaj nacioj; 2. **internacian-teorian** (1910—1920), ĉar ĝia internacia organizacio IKUE havis precipe teoriajn taskojn (disvastigadon de la lingvo, kreadon de la teologia terminaro, eldonadon de preĝaroj kaj kantaroj ktp.) kaj 3. **internacian praktikan** (de 1920) kiam estis kreita la

Ika kaj per tio metila fundamento por la venonta longa periodo de praktika katolika internacia kunlaborado por la pli granda gloro de Dio kaj por la utilo de eklezio. La fondo de Ika estis la tria granda paŝo antaŭen, kiu ne povas esti repaŝita malantaŭen.

Pr. A. Dombroski, direktoro de Ika por Litovujo; S. Tijunaitis, prezidanto de Esper. kat. Soc. de Litovujo; J. Mačernis, sekretario de tiu ĉi societo; A. Opulski, fakdelegito de Ika; J. Mažeika, sekretario de Litova Esperanto-Asocio.

## El ĉiuj landoj.

En ĉi tiu rubriko ni intencas regule raporti per mallongaj noticoj pri la katolikaj vivo kaj agado en la unuopaj landoj. Sendube ĝi tiu fako devus kaj povus esti la plej interesa. Ĉar oni povus trovi originalajn raportojn tute konfidindajn. Jes, povus kaj devus! Sed ĝis nun mankas la sufiĉa kunlaborado! Bedaŭrinde! Do organizata kunhelpo estas necesega. En ĉiu lando ni serĉas unu aŭ du raportistojn, kiuj regule sendas ĉiumonate sciigojn mallongajn pri plej gravaj okazintaĵoj del' katolika vivo kaj agado en sia lando. Ĉu tio estas malfacila tasko? Tute ne! Li kolektu dum la monato la plej gravajn sciindaĵojn el sia gazeto kaj je la fino del' monato li ellaboru malampleksan raporton kaj sendu ĝin per poŝtkarto aŭ letero al K. M. Tio estas la afero de kelkaj minutoj. Ĉu ne? Do skribu tuj: Mi estas preta kunhelpi kiel regula raportisto! Sed skribu tre legeble! Tio ŝparas al ni multege da mono kaj tempo! La monataj raportoj devas esti sendotaj ĝis la 10ª del' monato. K. M.

**El Usono.** Laŭ la lasta tutpopola denombrado la katolika eklezio kun 25 milionoj da anoj estas la plej multnombra komunumo de Usono. Dum la lastpasintaj dek jaroj la anaro pligrandiĝis je kvin milionoj. Ekz. en Philadelphia la katolikoj estas 75% de la loĝantaro, en New York 52 ktp. Por ke la katolikaj infanoj ne estu devigataj viziti la ŝtatajn lernejojn senreligiajn, katolikoj mem fondis 10.000 parohajn lernejojn katolikajn! Imitinda oferemo! E. F.

**El Litovujo.** Tiu ĉi nova ŝtato, fondata sendepende en la jaro 1918, enhavas proksimume kvar milionojn da loĝantoj, kiuj preskaŭ ĉiuj estas katolikoj. Liberigita de la Cara jugo, kiu kruele persekutis la katolikan eklezion litovan, la katolika vivo belege ekfloras. Por ĉiuj profesioj oni kreas tre agemajn organizajojn. Per la oferema kunhelpo de la Usonaj samlandanoj oni kreas nun katolikan universitaton. Tre interesa estas la politika organizado de la litovaj katolikoj. Ili formas tri grandajn katolikajn partiojn laŭ la tri ĉefprofesioj: la kristano-demokrata partio, la agrikulturista unuiĝo kaj la labora federacio. En la parlamento tamen ili formas unu katolikan blokon, marŝante unuanime en aferoj katolikaj, diferencante nur en ekonomiaj demandoj. En la parlamento, konsistanta el 112 deputatoj, troviĝas 61 katolikoj kaj la ŝtatestro kaj pluraj ministroj estas agademaj katolikoj. Atinginte la daŭran pacon, la litova katolikaro kaj ŝtato rapidege ekfloros. T.

**El Belgujo.** La 10an ĝis 15an de oktobro okazis en Bruselo ĉe la universitatanoj katolikaj la dua semajno socia, kiu havis tre grandan sukceson. Pli ol 100 partoprenantoj ĉeestis. La ĝenerala temo: La socia junularo katolika kaj la socia reorganizado. El la plej gravaj pritraktadoj ni nur mencias: „La apostoloto inter la laboristaro" de kanoniko Desgranges; „la socia ideo de la laboro" de R. P. Rutten; „la socia funkciado de l' proprajo de P. Vermeersh". — La balota batalado por la nacia parlamento ekkomencis kun granda forto. Oni atendas bonan sukceson de la katolikoj. A.

## Mondjunularo Katolika (Moka).

Komunikoj de la Centra Oficejo.

### Raporto pri la monato oktobro.

Ĝenerale nia movado bone progresas. La nova prezidanto Prof. Arnold precipe en Svisujo antaŭenpuŝas ĝin. Antaŭ ne longe estas fondita ĉe la instruista seminario en Zug propra Moka-labora grupo, kiu jam fervore laboras; ĉiuj membroj de la grupo abonis la oficialan organon de „Moka", „Katolika Mondo". (Imitinda ekzemplo por la aliaj Moka-grupoj!) Nia fervora germana landa delegito reorganizis la Moka-grupon en Breslaŭ kaj fondis novan en Friedland, kiu nun nombras dek membrojn. Baldaŭ kreskos la membraro. La prezidanto de tiu nova grupo Sro Thomas intencas fondi novan laboran grupon en Waldenburg (Silezio). Nia ĝisnuna landa delegito en Italujo Sro Bartoloni estas elektita kiel komitatano kaj landa sekretario provizora en Italujo. Sro J. F. Giralt in Girona, delegito de Moka, akceptis la landan sekretariecon kaj fervorege laboras por nia afero. Sro Albanell, delegito de Moka por Hospitalet (Hisp.), gajnis premion ĉe la internaciaj floraj ludoj. (Ni kore gratulas!) Samtempe mi volas atentigi ĉiujn sekretariojn kaj delegitojn, ke Moka eldonis novan propagandan materialon (dupaĝaj flugfolietoj) en lingvoj itala, franca, germana kaj hispana. Delegitoj ktp., kiuj deziras ilin, postulu certan kvanton de la centra oficejo kontraŭ malgranda pago. Antaŭ kelkaj semajnoj mi dissendis la kvaran cirkuleron. Bedaŭrinde ĝis nun ne ĉiuj delegitoj respondis la almetitan demandan folion. Se mi ĝis 10an de decembro ne havas respondon, mi estas devigata forstreki tiujn delegitojn el la listo.

Moka nepre devas havi baldaŭ la duan centon da delegitoj. Pro tio mi kore petas, nomigi al mi ĉiujn katolikajn junulojn, kiuj estas pretaj, preni sur sin tiun taskon. Paŝo post paŝo ni atingos nian celon! Do, ĉiuj kunhelpu!

Hanns Sappl, Ĉefsekretario de Moka.

### Enketo.

La direktoro de la franca katolika junula gazeto „La Vie au Patronage" tre interesiĝas pri la katolika junula movado tutmonda kaj petas pri respondo de la subaj demandoj. Ni treege petas ĉiujn delegitojn kaj landajn sekretariojn de Moka kiel eble plej baldaŭ sendi la respondon al la Centra Oficejo, kiu ordigos kaj sendos ilin al la direktoro, por ke li povu konvinkiĝi pri la bona organizo de la Moka-movado.

1. Ĉu ekzistas en via lando organizoj katolika por infanoj kaj junuloj?
2. Se jes, kion oni faras por la edukado religia, morala profesia, socia?
3. Kia estas la celo de tiuj organizaĵoj?
4. Kiel ili estas organizitaj?
5. Kiujn rezultatojn ili havis ĝis nun?
6. Adreso de la Centra Oficejo aŭ de la prezidanto de la organizajo.

### Internacia poŝto.

Nederlanda Esperantisto. Vi certe malkomprenas la celon de K. M., kredante, ke nia alvoko estu „vera militdeklaro al ĉiu kaj ĉia nekatoliko". Tute ne! Ni estimas kaj amas laŭ nia katolika kredo la alikredulojn, klopodante neniam ataki ilin; sed ni propagandados nian katolikan ideon laŭ nia povo per Esperanto. Certe ni rajtas fari tion; ni ja ankaŭ ne volas nei vian rajton agadi same laŭ via konvinko. Se ni nomis Esperanton „katolikan lingvon", ni absolute ne volas nei la neŭtralecon de nia komuna lingvo, sed nur esprimi, ke la katolikaro serĉu havi komunan lingvon tra la tuta mondo, tio estas „Katolika" (καθλόον tradukate „universala") lingvo. Ĉu ne?

Fr. H en Essen. La organizo de publika vendado de „K. M." estas tre rekomendinda.

Al ĉiuj propagandistoj. La traduko de „Ĉu Sankta Aŭgustino estas malprava?", eventuale sub la titolo „Ĉu ni katolikoj bezonas internacian lingvon?", kiel propaganda varbfolieto estas permesita, eĉ rekomendita. En germana lingvo la varbfolietoj jam ekzistas kaj jam multe sukcesis varbi anojn por Esperanto.

Sro Sch., Nederlando. Jes, Sro Sch., ni ricevis la apostolan benon de Lia Papa Moŝto por niaj Graz'aj konferencoj dufoje, antaŭe per letero, poste per telegramo. Cetere ni multfojege skribis oficiale ke niaj konferencoj estas por la katolikaro tutmonda kaj nur unu speciala konferenco por la Esperantistaro katolika kun la ĝenerala kunveno de IKUE. Ĉu ne? Do ne Ika trompis vin, sed vi trompis vin mem!

Sro L., Germanujo. Vi bone diras, du Esperanto-organoj estas „sana konkuro". Sed ŝajnas al mi, ke ĉi tiu „saneco" povas esti al la morto! Kiu tiam havos la profiton?

Sro C., Italujo. Jes! Interpaciĝi! Tre bone! Sed se in deklaras al vi mortigan militon? Cetere ni klopodegis, havi inter konsenton kun Sro S. Sed li eĉ ne respondis, kio nun ŝajnas la plej nobla metodo en nia „revolucia" epoko. Ĉu ne?

Sro H., Germanujo. Jes, vi estas prava. La malrespekta juĝo pri la „novaj Esperantistoj" estas fakte strangega. Bone oni proponis, enkonduki pojaran preĝtagon, por ke Sro S. vivu eterne sur la tero. Ĉar alie la katolika Esperanto-movado ja devus perei! Ĉu ne?

Sro B. Ĉŝ. Bone dirita! Ĉiam ekzistas personoj, kiuj opinias, ke ili devas liberigi la homaron de ĝiaj perdemuloj. Cetere la metodo, por kia laiko juĝas pri pastroj estas nekutima ĉe ni. Sed nenio nova sub luno!

Sro N., Francujo. Certe. Estas ofte uzata maniero hodiaŭ, citi la fantomojn de la mortintoj, se oni ne trovas sufiĉe da subteno ĉe la vivantoj. Eble Sro S. ankaŭ iris inter la „okultistoj".

Sro B., Italujo. Via propono plaĉas al mi. Se Sro S. opinias, ke laŭ la nuna enlanda situacio estas plibone, havi tute sendependan movadon en sia lando: Tre bone! Li organizu la katolikan Esperanto-movadon en N., sed li ne altrudu sian privatan opinion al la tuta mondo!

### ? Kioma estas la abonprezo por K. M. ?

K. M. aperas en kolektoj po 10 numeroj. Jen la prezo por kolekto de 10 numeroj, kies apero estas garantiita por la eldonejo: Anglujo, Hispanujo, Svisujo kaj samvalutaj ŝtatoj 4 ŝl., pes., fr. ktp., Nederlando kaj Brazilo 2 fl., 2 mrs., Usono 1 dol., Belgujo, Francujo kaj samvalutaj ŝtatoj 5 fr., Italujo, Jugoslavujo 6 l., d., Germanujo kaj Baltiko 10 g. mk. Litovujo, Ĉeĥoslovakujo, Rumanujo, Bulgarujo 10 kr. ĉ., lev. ktp. Aŭstrujo, Hungarujo 60 kr. aŭstr., hung., Polujo 100 mk.

NB. Oni sendu la monon plej bone per naciaj bankbiletoj de la propra lando al Paŭlus-eldonejo, Graz, Karmeliterplatz 5, Aŭstrujo, aŭ al la nacia direktoro de Ika. Por Germanujo (Karlsruhe 26.195), Aŭstrujo, Ĉeĥoslovakujo, Svisujo oni povas pagi per la poŝtpagilojn de l' eldonejo. Oni povas komenci la abonon per iu ajn numero.

**NN. Oni ne pagu per poŝtavizoj!**

### Anoncoj.

La prezo por anoncoj egalas po kvadratcentimetro la prezon de unu numero de K. M. en la nacia valuto de l' anoncanto. Por grandspacaj aŭ pli ofte presigotaj anoncoj rabato ĝis 40%; plue por abonantoj de K. M. speciala rabato de 20%.

### Anoncetoj.

La kostoj por unu foja enpresigo ĝis 25 vortoj egalas la prezon de 5 numeroj (duonkolekto) en la nacia valuto de l' anoncanto; por pliofta enpresigo rabato.

## !! Atentu !!

**Ĉiu nuna abonanto de K. M.** sendu la bildon de preĝejo de sia loĝloko por propaganda celo. Mi sendos interŝanĝe la bildon de mia preĝejo.

**Adreso: Karlo Kellner, Rumanio, Cluj, Str. Universitato 10.**

## Atentu!

La 1ª numero de K. M. malgraŭ granda eldonnombro estas ne plu havebla ĉe la eldonejo. Oni kore elpetas bonvolan resendon de superfluaj ekzempleroj!

Kolekto estas serio de sekvantaj dek numeroj, ekz. No 3 ĝis No 13. Per iu ajn numero oni povas komenci la abonon.

Abono. Niaj amikoj, kiuj sendas abonmonon por pluraj personoj, al kiuj ni devas sendi aparte K. M., estas urĝe petataj, ĉiam detale klarigi, por kiuj personoj estas la abonoj pagitaj.

**Pola lando!** Abonejo por pola lando troviĝas ĉe Pola Esperanto-servo: Bydgoszcz Kordeckiego 1.

### Recenzejo.

Tra la mondo de P. Bennemann, Leipzig, Hirth und Sohn. — Belega legolibro internacia.

La kantistino de W. Hauff, trad. de Wüster; Ellersiek, Berlin. — Bona traduko de la konata novelo.

Interesa Novelaro de Fratoj Fethke, Bydgoszcz, Polio. — Internacia kolekto de noveloj bonstilaj.

Skizoj el mia propagandista Vivo de A. de Marich, Budapest, Üllöi ut 59. — Legindaj rakontetoj.

Mizero kaj suferego de la Nurnbergaj infanoj. Nurnberg, Lauferschlagturm 6, Germ. — Kortuŝanta helpkrio el Germanujo. Legu ĝin ĉiuj eksterlandaj amikoj! Sed ne nur legu, sed helpu!

Zamenhofs Sprachliche Gutachten de W. Lippmann, Hirth und Sohn, Leipzig. — Utilega libro germanlingva por progresintoj.

## Atentu!

Laŭ la deziro de multaj samideanoj Ika eldonis la fotografaĵon de la Internaciaj Katolikaj Konferencoj Graz 1921 en poŝtkarta formato. Ĉiu Ika- kaj Mokaano posedu ĝin! Unu ekzemplero kostos 25 aŭstr. kronoj aŭ unu internacia respondkupono. Tuja mendo estas rekomendinda!

### Anoncetoj.

Mi deziras korespondadi en Esperanto kun samideanoj el ĉiuj landoj, precipe kun kolektant[in]oj de poŝtmarkoj kaj poŝtkartoj ilustritaj. Sro August Goreck en Perleberg, Westfalen. Germanujo.

Hanns Sappl, prof. de Esperanto, ĉefsekretario de Moka, Graz (Aŭstrujo), Karmeliterplatz 5, deziras korespondi pri katolika junula kaj Esperanto-movado tutmonda.

Johannes Sappl, prof. de Esperanto, ĉefsekretario de Moka en Graz, fianĉiĝis kun Fino Mitzi Weber, afergvidino de la Kat. Esp. Societo, Graz.







Eldonejo: Paŭlus-eldonejo, Graz, Karmeliterplatz 5. — Redakcio: Dr. M. J. Metzger, Graz. — Presistejo: „Styria", Graz.



